BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO

# BE




106-a jaro
N-ro 345
Junio 2013

## BRAZILAJ SAMIDEANOJ SPIONATAJ

**Ivan Colling: Esperanto kaj KER**

**João Santos: Stumblado en la esperanto-lernado**

**Clarisse Lispector: Amo**

**Maria Nazaré Laroca: Kvar poemoj**

**Brazila Esperantisto**

Nacia kaj Internacia Kulturo

N-ro 345 • Junio 2013 • 106-a Jaro

# Enhavo



**Kovrilo:** brazilaj esperantistoj estis spionataj dum la 70-aj jaroj




*Ne estas hazardo, geamikoj, ke ĉiuj tiranecaj kaj despotecaj reĝimoj levis sin kontraŭ Esperanto, malpermesis la lingvon, persekutis la esperantistojn! Se Esperanto estus infanludilo, se pere de ĝi oni ne povus interkompreniĝi, se ĝi havus nenian idean signifon, kredu al mi, ke ili grandskale propagandus ĝin.*

*Ivo Lapenna*

**Revukunlaboraĵoj**: La ĉefredaktisto rigardas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de legantoj. Tamen, pro hommanko, spac-limigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: **1-e:** ne sciigi la ricevon; **2-e:** ne redoni la sendaĵojn; **3-e:** ne garantii la publikigon; **4-e:** mallongigi tekstojn tiam, kiam necese; **5-e:** ilin reviziigi laŭ ortografio, gramatiko kaj fakvortoj. Kiel gramatikan konsultfonton ni rekomendas la verkon *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko*, de Bertilo Wennergren. La signifon de ĉiuj vortoj netroveblaj en *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto* (2005) oni aparte klarigu per piednotoj aŭ glosaro.

Komercaj markoj reproduktitaj celas nur ilustri kaj apartenas al la posedantoj.

**Anonctarifo:** Tabelo pri prezoj de anoncoj en *Brazila Esperantisto*, laŭ paĝonoj.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| tutpaĝa (19x25cm) 4-a kovrilo R$ 900,00 (kolora) 2-a kaj 3-a kovriloj R$ 600,00 (nigra-blanka) | 1/2 duonpaĝa (9x24cm) R$ 450,00 (kolora) R$ 300,00 (nigra-blanka) | 1/3 trionpaĝa horizontale (8x18cm) R$ 300,00 (kolora) R$ 200,00 (nigra-blanka) | 1/3 trionpaĝa vertikale (8x18cm) R$ 300,00 (kolora) R$ 200,00 (nigra-blanka) | 1/6 sesonpaĝa (7,8x8cm) R$ 150,00 (kolora) R$ 100,00 (nigra-blanka) |

# Enkonduko

Estimataj Gelegantoj:

La redaktado de ĉi tiu numero montriĝis aparte peniga. Kiam la enhavo jam estis preparata, esploroj faritaj de kelkaj samideanoj trovis en la dosieroj de la Ŝtata Arĥivejo de Sanpaŭlo du dokumentojn pruvantajn tion, kion oni jam delonge suspektis: ke la brazila esperantista movado estis spionata de la tiel nomataj informkolektaj organoj, dum la periodo de militistaj registaroj. Tiu ĉi grava eltrovaĵo ŝanĝis la direkton de la preparado, kaj fariĝis la ĉefartikola temo. La ĉefartikolo ne nur prezentas la dokumentojn, sed celas ligi iliajn enhavojn kun aliaj faktoj okazintaj dum tiu epoko. Ni ankaŭ zorgis, ke nia kovrilo spegulu la tiaman paranojan etoson.

Ankaŭ la cetera parto de nia revuo estas sukplena. Du artikoloj pritraktas instruadon de Esperanto. Aŭdinte la vorton "instruado", ĉiuj pensas pri klasĉambro, lernantoj, lernolibroj, interretaj kursoj k.t.p. Sed malmultaj el ni konscias, ke fidinda taksado de lingva kapablo estas egale grava por orienti instruistojn kaj lernantojn. Ivan Colling, spertulo pri KER-ekzamenoj, prezentas la apartaĵojn de ĉi tiu lernotaksilo kaj pridiskutas ĝiajn avantaĝojn kaj aplikeblojn.

João Santos ekzamenas la temon laŭ alia angulo, kaj faras al ni la instigan demandon: kial la instruado de Esperanto tiom ofte malsukcesas? Li argumentas — eble ĝene por kelkaj homoj — ke ofte la instruado estas diletanteca. Kapabligo kaj profesiigo de esperanto-instruistoj — jen laŭ li la vojo sekvenda. La aŭtoro daŭrigos la artikolon en la Septembra numero, proponante solvojn por tiu ĉi daŭra problemo. Dume, ni invitas niajn gelegantojn sendi al la ĉefredaktisto kaj al la aŭtoro siajn opiniojn, cele al konstrupova debato.

Nia numero, kiel kutime, ankaŭ prestiĝas beletron, prezentante tradukon de la konata rakonto *Amo*, verkita de Clarice Lispector. En ŝiaj rakontoj malmulto okazas… en la ekstera mondo; sed en la menso de ŝiaj roluloj hurlas tempestoj. Ni finas la beletran sekcion per kvar tre belaj poemoj de Maria Nazaré Laroca, kiu lastatempe verkas novaĵon preskaŭ ĉiutage — ŝajne la muzoj korfavoras ŝin.

Kiel komplementon al ĉi tiu numero, Anna Lobo prezentas la lastajn novaĵojn pri la junulara movado, kaj invitas ĉiujn junulojn — kaj ankaŭ maljunulojn, kial ne? — partopreni la 70-an Internacian Junularan Kongreson, kiu okazos en 2014, en Fortalezo. Esperanto, gejunuloj kaj marbordo: jen sukceson promesanta kombino.

Laste, sed ne malplej grave, César Soares regalas nin per traduko de famaj eldiraĵoj, kiuj instigos nin pensi almenaŭ iomete.

Esperinde ĉi tiu numero taŭgos por vi plurmaniere, riĉigante vian lingvoscion, atentigante pri malmulte konataj facetoj de nia movado, aŭ simple liverante plezurigan legmaterialon.

Kiel kutime, ni invitas vin ĉiujn kontribui, ĉu per artikoloj, ĉu per tradukoj, ĉu sendante mesaĝojn, ĉu proponante temojn. Legu kaj ĝuu!

La ĉefredaktisto

**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
106-a jaro, Marto 2013, N-ro 345

**Eldona Stabo**
**Respondeca ĵurnalisto:** Alberto Emerson Werneck Dias
**Ĉefredaktisto:** Francisco Stefano Wechsler

**Ĉi-numeraj kunlaborantoj**: Anna L. de Carvalho, César D. Soares, Francisco S. Wechsler, Ivan Colling, João J. Santos kaj Maria N. Laroca

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo:** Francisco S. Wechsler
**Revizio kaj tradukado:** BEL-asesorskipo

Kontribuaĵojn kaj mesaĝojn sendu al la ĉefredaktisto: esperanto@fswechsler.com
**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**

Brazila Esperanto-Ligo (Fondita en 1907)
**Sidejo:** SDS–Bloco P36–Salas 301/303–Ed. Venâncio III CEP 70393-902 Brasília,DF
**Telefono:** (0xx61) 3226-1298 **Fakso:** (0xx61) 3226-4446
**Retadreso:** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo:** www.esperanto.org.br

# Esperanto kaj la Komuna Eŭropa Referenckadro por Lingvoj

Ivan Eidt Colling

## 1. Kio estas Komuna Eŭropa Referenckadro?

La kreskanta neceso de moviĝeblo aŭ translima moviĝado inter diversaj landoj kaj regionoj, por studaj, turismaj aŭ profesiaj kialoj, reliefigis kaj (pli kaj pli) reliefigas la bezonon komunikiĝi kun homoj, kiuj havas malsimila(j)n kultura(j)n fono(j)n, kiuj parolas alia(j)n lingvo(j)n. Kiam kono de fremdaj lingvoj fariĝas postulo aŭ poentumkriterio por studado aŭ laborado, necesas iel normigi la taksadon de tiuj lingvokonoj. En tiu kunteksto, en la jaro 2000 multaj eŭropaj landoj pretiĝis transiri al *Komuna Eŭropa Referenckadro por Lingvoj* (KER)[1]. Ĝi estas sistemo difinita de Eŭropa Konsilio kun la celo “doni bazon por la ellaborado de lingvaj kursoprogramoj, kursogvidiloj, ekzamenoj, kursolibroj k.t.p. en Eŭropo” (UEA, 2007, p.4), tiel ke oni havu similan komprenon pri konceptoj kiel “komencinto”, “mezniveluło”, “flua parolanto”. Referenckadro helpas ankaŭ la organizadon de kursoj, pri difino de celoj kaj elekto de enhaveroj laŭ la dezirata atingenda ŝtupo. Tio ankaŭ povas servi kiel gvidlinio al individuoj, kiuj volas mem administri sian lingvolernadon.

Laŭ KER, la celo ne plu estu la simpla rego de kelkaj lingvoj, ĉiuj aparte, ĉe kio la “ideala denaska parolanto” servas kiel plej alstrebinda modelo. Lingvoj en edukaj organizoj estu diversaj, lernantoj havu la eblon evoluigi plurlingvan kompetenton. Cetere ĝi rekonas, ke lingvolernado estas vivdaŭra tasko, do ege gravas “evoluigi ĉe lernantoj motivojn, kapablojn kaj fidon eksterlerneje alfronti novajn lingvajn spertojn”. (UEA, 2007, p.9–10.)




Bildo 1. Niveloj de lingvokono laŭ KER



iecolling@yahoo.com.br

La skemo de KER difinas tri larĝajn nivelojn: A (elementa), B (meza) kaj C (supera). Ĉiu nivelo estas disbranĉita en pli altan kaj pli malaltan subnivelojn (vidu Bildon 1). Estas do ses ŝtupoj; en ĉiu el ili la kvar bazaj lingvokapabloj estas testataj: la aŭskultado, la parolkapablo, la lega kompreno kaj la skribado. KER-Atestiloj estas agnoskataj de eŭropaj instancoj, kaj jam estas akceptitaj de kelkaj usonaj ŝtatoj kaj de kelkaj aziaj landoj (Hurstel, 2011).

## 2. La Esperantlingva KER-Ekzameno

En la fino de 2008, post plurjara laboro, grupo de esperantistaj instruistoj kaj lingvistoj (Katalin Kováts, Zsófia Kóródy, Márta Kovács, Mireille Grosjean) sukcesis enirigi Esperanton en la sistemon de KER. Grava paŝo en tiu procezo estis la traduko de la dokumento *Komuna Eŭropa Referenckadro por lingvoj: lernado, instruado, pritaksado*. La tradukon en Esperanton faris Roel Haveman, kaj tiu versio estas senpage elŝutebla (Konsilio de Eŭropo, 2011). Nuntempe, la dokumento legeblas en 39 lingvoj[2] (Conseil de L'Europe, 2013).

La Esperanta ekzameno estas adapto de la hungara sistemo *Origo*. Temas pri ekzameno de ELTE ITK[3] (Centro por Perfektiĝo pri Fremdaj Lingvoj de la Universitato Eötvös

Loránd, en Budapeŝto — la plej grava Universitato de Hungarujo), membro de la Asocio de Lingvo-Testistoj de Eŭropo (ALTE). La atestiloj estas numeritaj kaj registritaj en tiu Centro. Ili estas agnoskataj de la hungara ŝtato kaj, evidente, ili ĝuas la saman prestiĝon, kiel iu ajn alia KER-Atestilo, en eŭropaj instancoj kaj ankaŭ ekstereŭrope.

Pro tio, ke la kvanto da ekzamenantoj estas malgranda (nuntempe 12), kaj ke parto de la laboro estas volontula, oni ne proponis (ĝis nun) Esperantajn ekzamenojn por niveloj A1, A2 kaj C2. Do oni povas resume diri, ke por nia lingvo estas tri niveloj: baza (B1); meza (B2); supera (C1).

Ekzistas du apartaj ekzamenoj por ĉiu nivelo: skriba (skribkapablo kaj skriba kompreno); kaj parola (parolkapablo kaj aŭda kompreno).

Kiel dirite, la supraj ekzamenoj estas apartaj; tio signifas, ke oni povas laŭ sia bontrovo subiĝi nur al skriba parto, nur al parola parto aŭ al ambaŭ en la sama sesio. La minimuma aĝo por aliĝo estas 14 jaroj, plenumitaj en la tago de la ekzameno. Oni ne postulas profundajn konojn pri historio kaj kulturo de Esperanto. Kiel asertas Nascentes (2011), en KER-Ekzameno ege valoras la komunika kapablo kaj la kapablo elturniĝi el diversaj situacioj. Al interesatoj pri la strukturo de la ekzameno, mi sugestas la libron de Kóródy (2008) kaj la dokumenton de Konsilio de Eŭropo (2007). Troviĝas resuma prezento en Colling (2011a). Portalo edukado.net estas la ĉefa informfonto pri la temo.

### 2.1 Tutmondaj ekzamensesioj (TES)

Ekde 2009 oni organizas KER-Ekzamensesiojn, ordinare kadre de esperantaj kongresoj aŭ aranĝoj. Cele al popularigo de la ekzameno kaj plifaciligo de partopreno de kandidatoj, la 9-an de Junio, 2012, okazis la Unua Tutmonda KER-Ekzamensesio, en 29 urboj de 17 landoj; entute kunlaboris 65 homoj en diversaj mondopartoj, ebligante la partoprenon de 356 kandidatoj. Pro la diferenco inter la horzonoj, estis ellaboritaj du serioj de ekzamenoj, unu por Latinameriko kaj alia por Eŭropo kaj Azio. Tiamaniere, en urboj de la sama regiono, kovertoj kun demandoj kaj taskofolioj povis esti malfermitaj samtempe antaŭ la ekzameniĝontoj. Al la Dua TES (la 8-an de Junio, 2013) aliĝis 250 kandidatoj en 24 urboj de 16 landoj. Ĉifoje, en ses urboj okazos ankaŭ parola ekzameno per Skajpo. Gravas aldoni, ke lokaj asocioj povas organizi skribajn sesiojn sen partopreno de rajtigita ekzamenanto, sed ili bezonas protektanton (eksteran observanton). Por parolaj sesioj ja necesas almenaŭ du tiaj ekzamenantoj, kies partopreno povas fariĝi per Skajpo (perskajpa ekzamenado okazos en ses urboj dum la ĉi-jara TES).

### 2.2 KER-Ekzamensesioj en Brazilo

- 2010: Piracikabo, dum la 5-a Kongreso de Esperanto de Ŝtato San-Paŭlo[4] (33 kandidatoj);
- 2011: Braziljo kaj San-Paŭlo (dum la Tut-Amerika Kongreso de Esperanto), kun la ĉeesto de D-rino Katalin Kováts (79 kandidatoj);
- 2012: Kuritibo (kadre de la 1-a TES: 18 kandidatoj);
- 2013: Kuritibo kaj Macejoo (respektive 13 kaj 11 kandidatoj, kadre de la 2-a TES);
- 2014: Florianopolo: oni planas okazigi kompleksan (skriban kaj parolan) sesion dum BKE.

En Kuritibo, la sesioj okazas en ĉambro de Federacia Universitato de Paranao (UFPR), laŭ interkonsento inter Paranaa Esperanto-Asocio kaj Centro de Lingvoj kaj Interkulturo. Protektanto de la sesioj estas Docentino Regina Amelia Rodríguez Darriba, de la Departemento pri Modernaj Fremdaj Lingvoj de UFPR.

### 2.3 Statistiko

Jam estis aranĝitaj 32 sesioj en 25 landoj, kun partopreno de 1025 kandidatoj el 60 landoj. En Bildo 2 videblas la evoluo de la nombro da kandidatoj. Oni vidas, ke la tendenco estas kreska, kaj granda salto okazis en 2012 pro TES. La plej populara nivelo estas C1, sed se konsideri nur la pasintan jaron, unuafoje B1 superis ĉiujn nivelojn: estis 180 kandidatoj (kontraŭ 157 por B2 kaj 163 por C1) — tre probable TES faciligis la




Bildo 2. Evoluo de la nombro de kandidatoj

aliĝon al tiuj kandidatoj kun bazaj scioj, kiuj ankoraŭ ne emas partopreni kongresojn. Mi prezentas en Tabelo 1 la ĉekapajn liniojn de la laŭlanda sumo de aprobitoj[5]. En Septembro 2010 Brazilo estis je la kvina rango, sed post la Piracikaba sesio, ĝi saltis al la unua. Tiu pozicio nun plenmerite apartenas al Francio, pro engaĝiĝo de tieaj esperantistoj (naŭ francaj urboj en la Unua TES, sep urboj en la Dua). Aliaj statistikaj analizoj estas prezentitaj en Colling (2011b).

## 3. Kial trapasi KER-Ekzamenojn?

### *a) Persona sfero: memtaksado*

Oni ofte aŭdas: "ŝi bone parolas Esperanton", "mi estas flua parolanto", "li estas komencanto, sed li jam bone komprenas la lingvon". Sed ordinare temas pli pri impreso, ol vera taksado. Lingvoekzamenoj ebligas taksadon laŭ pli science mezureblaj kriterioj, kaj tiel lernanto povas pli bone scii, ĉe kiu nivelo li/ŝi estas, kiom ankoraŭ li/ŝi devas lerni, praktiki, kaj kiuj punktoj postulas pli da atento. Veterana parolanto povas pli sekure aserti, ke li/ŝi flue parolas.

Tabelo 1. Statistiko de aprobitoj

| Rango | Lando | Sumo |
|---|---|---|
| 1 | Francio | 251 |
| 2 | Brazilo | 152 |
| 3 | Rusio | 87 |
| 4 | Meksiko | 53 |
| 5 | Germanio | 49 |
| | Italio | 49 |

### *b) Pro ebla neceso de atestiloj*

Eble baldaŭ ni bezonos pruvojn pri niaj lingvokapabloj. Ŝanĝoj en la strukturo de povo (ekonomia, politika, militista) en la mondo povas rekte speguliĝi en la graveco de lingvoj uzataj internaciskale. Ekzistas malmultaj oficialaj kursoj pri Esperanto (en Pollando, en San-Marino, en Azio…), sed KER-atestilo estas dokumento el ekstermovadaj instancoj. Ne nur en Eŭropo estas konata la KER-Sistemo; pri ĝia difino de niveloj (A1, A2, B1, B2, C1 kaj C2) nuntempe aŭdas la plejparto el la studentoj pri filologio. Mi pensas, ke estonte tiuj atestiloj estos oficiale akceptataj en Brazilo, ĉar ne ekzistas simila dokumento kun tiom vasta akceptateco.

Miaopinie eĉ pli gravas atestiloj de nevaste konataj lingvoj; estas malfacile pruvi fluecon en tiuj lingvoj al eksteraj instancoj (ĉefe se oni sekvis memlernadon por posedi la lingvon). Simpla aserto de la parolanto pri sia flueco foje povas ne sufiĉi. Kono de Esperanto estas valoro — ni devas konscii pri tio — kaj ni plivalorigas niajn konojn, se ni pri ili povas montri ian dokumenton. Agnosko fare de oficialaj eŭropaj instancoj estas unu plia atesto de la valoro de nia lingvo.

### *c) KER-Eo: Oficiala Agnosko de Esperanto*

Akcepto de nia lingvo en KER-Sistemo signifas agnoskon de Esperanto fare de Konsilio de Eŭropo, sekve de ŝtataj instancoj. Tio pruvas, ke Esperanto estas de ili konsiderata moderna lingvo (ekzemple, ne ekzistas — almenaŭ ĝis nun! — KER-Ekzameno por Latino). Miaopinie, tio estas la plej granda nuntempa politika atingo de la Lingvo Internacia de D-ro Zamenhof, komparebla kun la Rezolucioj de UNESKO, kaj, laŭ mia sperto, ekzisto de esperantlingva KER-Ekzameno pozitive ŝanĝas la bildon de nia lingvo inter fakuloj pri lingvoinstruado.

### *ĉ) Politika kaj strategia valoro de KER-Eo*

Eĉ se ni ne persone bezonas / bezonos atestilon por niaj studaj aŭ profesiaj celoj, ni povas pensi kiel anoj de lingva komunumo, kies lingvo nun en Eŭropo staras samrajte inter dekoj da aliaj. Sed post kvarjara laboro, la nombro de ekzamenitoj estas ankoraŭ tro malalta, ĝi ne respegulas la realon. Ni ne bezonas aspiri al enorma sumo, sed kun pli da ekzamenitoj, pli gravaj kaj respektindaj fariĝas nia lingvo, nia kulturo kaj nia komunumo. Niaj junuloj, niaj infanoj, ni mem estu fieraj pri nia esperantisteco.

La atestilo estas bonega argumento por prezenti al ekstera publiko. Studentoj, docentoj, profesoroj kaj profesiuloj povas mencii tiun altvaloran atestilon en siaj Lattes-vivprotokoloj.

Cetere, multaj homoj pensas, ke Esperanto ne estas efektive parolata, ke ĝi restis nur projekto, ke ĝi eĉ ne estas vera lingvo, ke ĝi estas mortinta lingvo, aŭ ke ĝi estas "lingvo de la estonto". Kiam ni montras oficialan diplomon pri lingvokono, tio signifas, ke ekzistas tuta sistemo malantaŭ ĝi, ke en nia komunumo estas homoj kapablaj je serioza, profesia laboro: lingvistoj, lingvoinstruistoj, lingvotestistoj, kiuj ellaboras kaj kontrolas la ekzamenojn, kaj ke ekzistas kriterioj — la samaj kriterioj ekzistantaj por iu ajn alia vivanta lingvo — por taksi la lingvonivelon de kandidato.

Multaj esperantistoj konscias pri tio; multaj ve-

teranoj, sen ia neceso pruvi sian lingvokonon al si mem aŭ al aliuloj, subiĝas al la ekzamenoj nur por morale apogi ĝin.

## 4. Fina komento

Mi forte esperas, ke, leginte ĉi tiun artikolon, homoj sentos sin kuraĝigitaj mem aliĝi al ekzamenoj, plipopularigi ilin inter esperantistoj kaj diskonigi ilian ekziston inter neesperantistoj. Mi cetere intencas entuziasmigi lokajn asociojn por partopreno en estontaj Tutmondaj Sesioj. Dubojn, komentojn, sugestojn, kritikojn sendu al mi aŭ rekte al D-rino Katalin Kováts:
`katalin.kovats@gmail.com`

## 5. Bibliografio


Colling, I.E. Lingvoekzamenoj en Esperanto laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro por Lingvoj. En: *Trejnado por Esperantaj kursgvidantoj*, 13, 10 Apr. 2011, Rio-de-Ĵanejro. Artikolaro... Rio-de-Ĵanejro: Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro, 2011a. p.7–9.

______. Proficiência em esperanto segundo o Quadro Europeu Comum de Referência para Línguas. En: *Semana de Letras da UFPR* — 2011 [Filologia Semajno de UFPR – 2011]. 23–27 Majo 2011, Kuritibo. Cadernos da Semana de Letras. ISSN 2237-7611. Curitiba: Universidade Federal do Paraná, 2011b. vol. 2, p.108–120. Havebla ĉe `http://www.humanas.ufpr.br/portal/arquivos/CadernoSemana 2011 - Volume II.pdf`. Lasta vizito: 30/Majo/2013.

Conseil de L'Europe. Cadre européen commun de référence pour les langues: apprendre, enseigner, évaluer (CECR). Havebla ĉe: `www.coe.int/t/dg4/linguistic/Source/List_Cadre_traduc.doc`. Lasta vizito: 29/Majo/2013.

Hurstel, Cyrille. KER-Ekzamensistemo: Eŭropa Referenckadro. [Intervjuo kun D-rino Katalin Kováts.] Saarbrücken, Jan. 2011. Daŭro: 26'48". Spektebla ĉe `http://www.ipernity.com/doc/edukado.net/9867410/`. Lasta vizito: 30/Majo/2013.

Konsilio de Eŭropo. Komuna eŭropa referenckadro por lingvoj: lernado, instruado, pritaksado. Rotterdam: Universala Esperanto-Asocio, 2007. Havebla ĉe `http://edukado.net/ekzamenoj/referenckadro/libro`. Lasta vizito: 30/Majo/2013.

Kóródy, Zsófia kaj aliaj. *Esperanto de nivelo al nivelo: lingva ekzameno Origo*. Budapest: Idegennyelvi Továbbképző Központ, 2008.

Nascentes, Paulo. Kial kaj kiel ekzameniĝi pri Esperanto? *Brazila Esperantisto*, Braziljo, n-ro 336, Feb. 2011, p.5–9.

Statistiko pri la UEA-ITK KER-Ekzamenoj. Havebla ĉe `http://edukado.net/ekzamenoj/ker/statistiko`. Lasta vizito: 30/Majo/2013.

UEA – Universala Esperanto-Asocio. *La Komuna Eŭropa Referenckadro: pri instruaj kaj taksaj metodoj por la akiro de modernaj lingvoj.* Roterdamo, 2007.


## Notoj

[1]La indeco ellabori Referenckadron aperis en interregistara simpozio en 1991, Rüschlikon, Svislando (UEA, 2007, p.10).

[2]albana, angla, araba, armena, bulgara, ĉeĥa, ĉina, dana, Esperanto, estona, eŭska, finna, franca, friula, galega, germana, greka, hispana, hungara, itala, japana, kartvela, kataluna, korea, kroata, litova, makedona, moldava, nederlanda, norvega, pola, portugala, rusa, serba, slovaka, slovena, sveda, turka kaj ukraina. Preparata estas versio en la rumana.

[3]Indas aldoni, ke ĉiujare en Hungarujo ĉirkaŭ 5.000 homoj subiĝas al Esperantaj ekzamenoj, kaj la atestiloj ebligas al lernantoj/studentoj progresigi sian universitatan studadon.

[4]Ĝi okazis pere de kunlaboro inter Leysester Miró (BrazILEI), José R. Tenório (EASP), Guilherme Jardim (LKK), Katalin Kováts (Edukado.net) kaj la aŭtoro de ĉi tiu artikolo.

[5]La menciitaj datumoj troviĝas en STATISTIKO, 2013.





# Stumblado en la esperanto-lernado

## João José Santos



### Enkonduko: Ĉu finfine esperanto estas facila aŭ malfacila lingvo?

Kiam oni diras, ke "esperanto estas facila lingvo", tio ne signifas, ke oni lernas ĝin ne studinte, sen minimuma disciplino, sen horplano, sen memdediĉo, sen seriozeco kaj preteratenteme. Tiu esprimo signifas, ke homo lernanta esperanton bezonas dekonon de la tempo, kiun tiu sama homo (ne alia) bezonas por lerni alian lingvon.

Dum jarcento, la tutmonda esperantistaro propagandis, ke esperanto estas facila lingvo, kaj, ĝuste pro tio, ĝi estas pli adekvata al la internacia komunikado ol iu ajn alia lingvo. Modernisme, la esperantistoj ekŝanĝis sian parolon pri la afero, asertante, ke esperanto ne estas facila lingvo. Do, se esperanto ne estas facila lingvo; kial tiuj modernismaj esperantistoj plu ĝin proponas por solvi la internacian komunikadon? Ĉu ili reduktas la intereson de esperanto al ĝia neŭtraleco? Espereble ne, ĉar neŭtraleco de nefacila lingvo ne estas sufiĉa atuto por konvinki la mondon ĝin lerni kaj uzi. Se esperanto ne estus fakte facile lernebla, la intereso ĝin uzi estus tre malgranda.

Kial do kelkaj esperantistoj asertas, ke esperanto ne estas facila? Tio ŝuldiĝas al kelkaj kaŭzoj, kiuj ofte kunekzistas ĉe la sama homo.

Svarmas esperanto-amantoj, kiuj ne parolas esperanton. Ili estas la eternaj komencantoj. Tiu fenomeno estas konata de la esperantistaro. Multaj el ili eĉ frekventis diversajn esperanto-kursojn, kun diversaj instruistoj, per diversaj lernometodoj kaj lernolibroj. Tamen, ili fakte ne kapablas atingi nivelon de esperanto-flueco. Ĉu tiuj situacioj, kiuj bedaŭrinde ne estas maloftaj, pravigas la aserton, ke finfine esperanto ne estas facila lingvo? Espereble ne.

Facile konstateblas malsukceso en la esperanto-instruado. Kelkaj esperantistoj, plenaj je entuziasmo, sin lanĉis al la aventuro instrui esperanton kaj ricevis la jenajn malbonajn rezultojn, i.a.: a) Iliaj lernantoj foriris post kelkaj lecionoj; b) la kursosukcesintoj ne kapablis lerni la sufiĉon por flue paroli esperanton; c) multaj esperanto-amantoj fariĝas eternaj komencantoj; ĉ) kelkaj efektive kapablas ekparoli esperanton, sed post la komenca entuziasmo, ili malaperas el la asocioj, apenaŭ agante favore al esperanto kaj ties interesoj.



joaojosesantos@gmail.com
www.lakaravelo.net

Do, post tiom da malsukceso, tiuj esperantistoj, kaj instruantoj kaj lernantoj, preferas aserti, ke esperanto ne estas facila lingvo, ol trovi la kaŭzojn kaj krei la solvojn por kontraŭbatali la malsukceson. En la proceso de instruado-lernado ekzistas tri elementoj: la instruanto, la lernanto kaj la lernaĵo. Ili preferas kulpigi la lernaĵon ol sin mem. Portugaloj kutimas diri: "Kiam oni ne kapablas danci, oni asertas ke la salono estas tordita." (PT: "Quando não se sabe dançar, diz-se que a sala está torta.")

### 1. La unuaj esperantistoj

La historio de esperanto estas plena je ekzemploj, kiujn la esperantistoj distrumpetis, pri la enorma facileco de esperanto. Grabovsko ĝin parolis flue post lernado per la unua libro de Zamenhofo, Tolstojo ĝin lernis fulmrapide, kaj multaj aliaj havis similajn spertojn. La unuaj esperantistoj lernis per tiu unua libro de Zamenhofo, malgranda kaj metode tute ne adekvata al la nunaj tempoj. Tamen, eĉ sen interreto, sen televidiloj kaj sen la eksterordinaraj iloj nuntempe disponeblaj, tiuj unuaj esperantistoj ne plendis, kaj ili sentis ke esperanto estas facila lingvo. Ja ili ne havis videkursojn kia estas *Mazi en Gondolando*, nek metodikajn plenkolorajn kursojn kia estas *O esperanto é fixe!*, nek grandegajn vortarojn kiaj estas NPIV (Nova Plena

Ilustrita Vortaro) kaj VTF (Vortaro Tulio Flores). Ili ne povis komunikiĝi internacie per Fejsbuko, ne povis paroli kaj vidi unu la aliajn per Skajpo, kaj ili ne povis spekti videojn en Jutubo. Tamen, ili lernis esperanton, kaj ĝin flue parolis. Kelkaj el ili fariĝis majstroj de ĉi tiu lingvo.

La esperantistoj preskaŭamase ekasertis, ke esperanto estas malfacila lingvo, ĝuste kiam ĉi tiuj rimedoj ekaperis, faciligante eĉ pli la esperanto-lernadon. Strange! Ĉu ne!? Ĉu eble la homoj inter 1887 kaj 1970 estis pli inteligentaj ol la nunaj?

Nepras evidentigi, ke multegaj el la antikvaj esperantistoj ne estis intelektuloj, sed fervojistoj kaj aliaj manlaboristoj sen multaj studoj. Multegaj el ili memlernis esperanton per etaj libroj, en sia soleco. Ili komunikiĝis kun aliaj esperantistoj per leteroj kaj poŝtkartoj, kaj ili fluege skribis, parolis kaj eĉ verkis en esperanto. Mi havis kaj havas la honoron koni kelkajn el ili en Portugalio. Plejparto el ili jam forpasis. Tiuj homoj kutime opiniis, ke esperanto estas facila lingvo.

## 2. Kio kaŭzas la malsukceson en la esperanto-lernado?

Ekzistas du specoj de lernantoj: la memlernantoj kaj la klaslernantoj. La unuaj lernas sen instruisto; ili mem estas kaj la instruisto kaj la lernanto. La aliaj lernas de instruisto en klasĉambro.

Kiel vidite, multaj el la unuaj esperantistoj estis memlernantoj. Iliaj lernolibroj ĝenerale sekvis gramatikan sistemon, sen la pedagogieco de la nunaj metodoj, kaj ili eklernis paroli uzante la lingvon, per legado kaj skribado. Tiatempe esperanto-asocio estis speciale grava loko, ĉar tie ili povis paroli esperanton. Kelkaj el ili loĝis izolitaj de aliaj esperantistoj, kaj do ili nur ekparolis esperanton post jaroj, kiam ili povis viziti aliajn esperantistojn, aŭ estis vizitataj de ili. Tamen, eĉ en tia malfacila mondo, ili kapablis ellerni (= ĝisfunde lerni) la lingvon.

*a. Memlernantoj*

Nuntempe la memlernantoj havas aliajn eblecojn. Ili povas sekvi esperanto-kursojn per la reto, per modernaj lernolibroj, per videoj, per Jutubo, ktp. La logiko diras, ke la nuntempaj esperantaj memlernantoj devas lerni pli rapide kaj efike ol la antikvaj esperantistoj. Kelkfoje tio fakte okazas, sed al multaj homoj okazas ĝuste la malo. Kial?

La ĉefa kialo situas en la mensa teniĝo. La esperantisto de la 19-a jarcento ne havis multajn alternativojn. Ili ne povis elekti inter multaj lernolibroj kaj inter multaj lerniloj. Do, ili valorigis kaj alte respektis kion ili havis por lerni esperanton, kaj humile submetiĝis al la metodoj. La nuntempa homo atingis liberecon neniam revitan antaŭ 100 jaroj. Tiu libereco donas kritikan teniĝon, krom libereco elekti donita de teĥnologio kaj de ilara diverseco. Tiuj novaj konkeroj, en si mem, estas bonaj. La problemo stariĝas kiam la memlernanto elektas sen bona senco, kritikas sen scio kaj entute surmetiĝas sur aroganta pozicio antaŭ la lernado. Do, teĥnologio avancis, sed la homoj ne estiĝis pli saĝaj. Ili absolute pensas, ke ilia inteligento ĉion faras, kaj ke efektive ili memlernas, dum la antikvaj esperantistoj humile konsideris, ke ilia majstro estis la aŭtoro de la lernolibro. Multaj nuntempaj memlernantoj stulte ne profitas la riĉecon de rimedoj je sia dispono, dum la antikvaj valorigis la malmulton, kiun ili havis.

Oni aldonu alian motivon por la sukceso de la unuaj esperantistoj, kaj por la malsukceso de la nunaj: disciplino en la lernado. Tiu kialo ligiĝas al la ĵus priparolita humilo. Antaŭe, kiam la lernanto legis la proponitan metodon de la libroaŭtoro, ekzemple ke li devas studi ĉiutage unu horon farante la ekzercojn laŭ ia maniero, li plenumis la konsilojn de la aŭtoro. La nuna lernanto studas kiam tio plaĉas al li, laŭ vivsistemo, kiu tro privilegias la portempan plezuron fari ion, sen disciplino, sen senco pri devo, sen fokusiĝo sur la celoj.

*b. Klaslernantoj*

Kiam oni priparolas la mankon de sukceso en la esperanto-lernado, oni devas scii, kio okazas rilate al la lernado de aliaj lingvoj. Homo, kiu jam lernis diversajn lingvojn bone scias, ke tre ofte la klasĉambroj malpleniĝas lecione post lecione. La klasoj de la klasikaj lingvoj ofte komenciĝas kun dek gelernantoj, kaj post kelkaj lecionoj nur restas du aŭ tri. Pri la germana okazas simile, ĉar ĝi estas lingvo postulanta atentan gramatikan studon. Kaj kio okazas pri la plenpova angla lingvo? Ankaŭ en ĝiaj klasoj la gelernantoj rezignas aŭ prokrastas la studon. Krome, multaj homoj, kiuj alvenas al la fino de la kurso, ordinare fakte apenaŭ kapablas komunikiĝi en la angla. Do, se tio iom konsolas la eternajn komencantojn de esperanto, same okazas

pri la aliaj lingvoj, eĉ pri la angla. Tamen, se esperanto estas pli facila ol la aliaj lingvoj, ĝia lernado devus esti plensukcesa, eĉ se ne tia estas la lernado de la aliaj lingvoj. Kial ĝi ne estas plensukcesa?

La kaŭzoj atribuitaj al la malsukceso de la nunaj memlernantoj ankaŭ aplikiĝas al la klaslernantoj. Krome, ekzistas aliaj kaŭzoj, kiuj estas ĉi tie skizataj:

1. La instruisto fakte estas instruanto… aŭ lernanto.

Jen la unua problemo en niaj klasoj: manko de profesieco de la homo, kiu sin proponas instrui esperanton. Plejparto el niaj instruantoj estas homoj, kiuj decidas instrui, sed kiuj ne licenciiĝis en filologio aŭ en lingviko, nek profesiiĝis en lingvoinstruado. Ili ne estas filologoj, nek lingvistoj, kaj tre ofte eĉ ne estas instruistoj pri aliaj fakoj. Tamen, ili sentas, ke ili povas fari bonan laboron instruante esperanton, kaj tion ili provas fari. Kompreneble ili ne scias kio estas lingva fenomeno, ili ne studis lingvan filozofion, nek pedagogion, nek metodologion, sed ili havas la bonvolemon instrui, sen scioj pri instruado, kaj sen sufiĉa esperanto-konado.

Tro ofte tiaj instruantoj eĉ ne estas fluaj parolantoj de esperanto, sed paradokse ili decidas baki esperanto-parolantojn, kiam ili mem ankoraŭ devus sidiĝi en klasĉambro… kiel lernantoj.

2. Ĝenerale la esperanto-instruistoj ne estas pagataj por ties laboro instrui esperanton. Do, ilia memdediĉo al esperanto ne povas esti plena, kiel ordinara instruisto pri alia lingvo. La preparado de la lecionoj, la esplorado pri lerniloj kaj la tuta instrua laboro estas farata amatorece, kun bedaŭrindaj konsekvencoj en la lernado. Tia amatoreco ne produktas bonan laboron, kaj eĉ ne postulas disciplinon al la lernantoj.

3. La lernantoj ne pagas la lecionojn, aŭ donas minimuman kontribuon, do ili ne sentas, ke esperanto estas serioza afero. Se ne ekzistis mona investo en la kurso, aŭ se ĝi estis apenaŭa, do facile ili malestas en la lecionoj, aŭ tute rezignas, ĉar ili scias, ke en la proksima kurso, la sama sklavo, aŭ alia, estas tie por instrui al ili.

4. La lernantoj ne trovas celon en la lernado de esperanto. Ili ne dependas de ĉi tiu lingvo por eniri en alian kurson, por vojaĝi, por dungiĝi, nek por alia celo. Ni, esperantistoj, scias, ke la homa profito ekzistas, kaj ke, post la lernado de esperanto, oni trovas diversajn manierojn ĝin uzi. Sed tio estas perceptebla nur de la inicitoj, de tiuj kiuj jam trapasis la vojon. Ne facile oni perparole transpasigas la esperanto-utilecon al la komencantoj.

5. La esperanto-klasoj ordinare estas tro heterogenaj, laŭ aĝo, laŭ antaŭaj konoj pri lingvoj kaj laŭ intelekta disvolvo de la lernantoj. Veraj instruistoj uzas metodojn kaj lernilojn laŭ la ecoj de la klasanoj. Oni ne instruas 7-jaraĝajn infanojn samaniere kiel oni instruas 70-jaraĝajn homojn. Tamen, oftege la esperantaj klasoj enhavas diversaĝajn gelernanojn, kun tre malsamaj lingvospertoj, kun tre malsimilaj intelektaj kompetentoj.

Oni ne estu maldankemaj al la homoj kiuj estas ludantaj la rolon de esperanto-instruistoj, senpage, dediĉeme kaj ofte streĉe, por amo al esperanto. Tamen, oni komprenu, ke la diskonigo kaj uzado de esperanto dependas de la profesiigo de la esperanto-instruistoj. Amatoreco povas esti tre ĉarma, sed malofte ĝi estas efika.

## Konkludo

Eĉ en tiaj bedaŭrindaj cirkonstancoj, ekzistas homoj, kiuj lernas nian lingvon. Se la lernado de la aliaj lingvoj efektiviĝus similmaniere, certe la malsukceso en la angla estus plena.

Eĉ tiel, oni lernas esperanton. Kiel kaj kial? Ĉar efektive esperanto estas facila lingvo.

*[N.R.] Tiun ĉi artikolon la aŭtoro daŭrigos en la venonta numero de Brazila Esperantisto, kiam li prezentos proponojn por solvi aŭ almenaŭ mildigi la nuntempan situacion. Dumtempe, ni invitas niajn gelegantojn sendi siajn reagojn al la retadreso de la ĉefredaktisto:* `esperanto@fswechsler.com`.



# BEJO-novaĵoj

## Anna Lobo de Carvalho

### BEJO estis konsiderata suspektinda fare de la diktaturo

Pasintmonate ni eksciis, ke troveblas dosiero pri BEJO en la dosieraro de DEOPS (la antaŭa Ŝtata Departemento pri Politika kaj Socia Ordo), tenata ĉe la Publika Arkivejo de la ŝtato San-Paŭlo, kaj esperantistoj vizitis la lokon por kontroli ĉi tiun informon. Laŭ la dosiero, BEJO-anoj el Gojaso komunikis al la polico sian suspekton, ke la organizo estas uzata por diskonigi komunismon, kaj ke per esperanto junuloj kontaktas kun komunistaj landoj. Dum la plej teroraj jaroj de la diktaturo, junularaj organizaĵoj estis kutime konsiderataj suspektindaj, kaj oficialaj instancoj atente observis iliajn agadojn.

Rilate al kontakto kun komunismaj landoj, estis trovita listo de abonantoj de la revuo *El Popola Ĉinio*, kun nomoj de esperantistoj kaj esperantaj organizaĵoj, kune kun iliaj adresoj; inter ili troviĝas BEJO kaj Kultura Kooperativo de Esperantistoj, el Rio-de-Ĵanejro. lli ĉiuj estis kontrolataj de la Brazila Estraro. *[N.R.: pliajn detalojn pritraktas la ĉefartikolo.]*

Pluraj tiutempaj BEJO-anoj havas rememorojn pri epizodoj, kiuj apartigis la membrojn de nia junulara organizo kaj dormigis ĝin dum kelkaj jaroj, kaj verŝajne la enhavo de tiuj dosieroj ĵus diskonigitaj faciligos kompreni, kio vere okazis.

Dum la 70-aj jaroj BEJO restrukturiĝis, okazis memorindaj junularaj kongresoj, kaj pluraj revuoj estis eldonitaj de ĝi.

### Elektita la emblemo por IJK 2014 en Brazilo!

Kiel multaj scias, Brazilo gastigos gravan renkontiĝon por 2014: La Internacian Junularan Kongreson! Tradicia en la esperanta movado, IJK en Brazilo alportos gravan oportunon por brazilanoj ĝui etoson de internacia renkontiĝo, kun partoprenantoj el diversaj landoj, kaj sperti agrablan etoson!! Oni ankaŭ povas substreki la fakton, ke, en tia medio, estas tre facile rimarki, ke esperanto funkcias!

Dum la lastaj semajnoj, ni prilaboris la emblemon de la renkontiĝo, kaj ni lanĉas ĝin en Esperantujon!

BEJO multe laboras, por ke tiu kongreso estu tre speciala!

Ni atendas vin ĉe IJK en Fortalezo!!



# Brazilaj samideanoj spionataj

Francisco Stefano Wechsler

## Enkonduko

Klarigi historiajn faktojn ĉiam malfacilas — precipe kiam oni ne estas historiisto. Kiel kunfondinto de BEJO, mi disponas pri informoj kaj rememoroj ofte ne alireblaj por pli junaj generacioj. Tial mi prenis sur min ĉi tiun taskon, klopodante ne nur prezenti la faktojn, sed ilin ankaŭ interligi kaj situigi rilate al la tiama socia kaj politika etoso.

## Historia fono

La 31-an de Marto, 1964, ŝtatrenverso plenumita de brazilaj militistoj forigis la libere elektitan registaron de Brazilo. Ĉi tiu ago oficiale celis protekti la landon kontraŭ komunismo. Rezultis instalo de diktatoreca reĝimo, dum kiu la respublikaj prezidantoj estis ĉiam militistoj. Tia ĉi stato daŭris ĝis 1985, kiam denove enposteniĝis civila prezidanto.

Tuj post la ŝtatrenverso intensiĝis spionado kaj persekutado al maldekstremaj individuoj kaj organizoj. La reĝimo instalis vastan reton por informkolektado, eĉ ene de poŝtoficejoj kaj universitatoj.

Ekde 1966, malkvieto kreskis, ĉefe ene de sindikatoj kaj studentaj organizoj. Dum 1967 kaj 1968 okazis pluraj strikoj de laboristoj. Tiu ĉi malkvieto kreskis ĝis sia kulmino en 1968, ankaŭ pro inspiro venanta de la strikoj kaj studentaj manifestacioj okazantaj en Eŭropo (precipe Francujo) kaj Usono.

Sekve de pluraj manifestacioj, serio da dekretoj en la fino de 1968 liveris al la policaj organoj eksterordinaran povon por aresti kaj pridemandi suspektatojn, sen sciigo al familianoj, amikoj aŭ advokatoj. Sindikatoj kaj studentaj organizoj estis subpremitaj. Polica torturo — kiu sendube jam ekzistis eĉ antaŭ 1964 — povis prosperi senpune.

Aparte suspektindaj por la reĝimo estis laboristaj kaj ĉiaspecaj junularaj organizoj. Post 1968 maleblis al lernejanoj kaj studentoj organizi ajnan kunvenon aŭ kunsidon sen skriba permeso de lernejestro aŭ rektoro. Eĉ por alglui afiŝon en edukaj institucioj, ĉu registaraj, ĉu privataj, necesis tia permeso. Policaj spionoj ofte enfiltriĝis en junularajn organizojn por pli precize raporti al aŭtoritatoj pri neleĝa aktivado, ligoj kun la komunista movado kaj partopreno de komunistaj agitantoj.

Rezulte de la dekretoj de 1968, la plej radikalaj maldekstruloj decidis batali kontraŭ la reĝimo per armiloj. Perfortaj metodoj estis alprenitaj, kiel ekzemple priraboj de bankagentejoj, ostaĝigo de alilandaj ambasadoroj, kampara gerilo, mortigpuno de denuncintoj k.t.p.

La registaro tuj reagis arestante, torturante kaj mortigante gerilanojn. En la fino de 1974 la gerila movado ne plu ekzistis. Tamen, arestado kaj torturado daŭris ĝis 1977, kiam sankciiĝis leĝo pri ĝenerala amnestio, kiu koncernas kaj arestintojn kaj arestitojn. Polica persekutado al maldekstruloj plu okazis ĝis 1985.

## La estiĝo de BEJO kaj spionado

BEJO fondiĝis en 1968, proksimume kvin monatojn antaŭ la ekesto de la fifamaj dekretoj. De 1968 ĝis 1970, BEJO-anoj ĝuis relativan liberecon, kaj ne estis ĝenata de policanoj. Verdire, jam tiam ni jen kaj jen suspektis, ke spionado pri la brazila esperantista movado ja okazas.

Ekzemple, en 1967 aŭ 1968 mi prelegis ĉe Kultura Kooperativo de Esperantistoj (KKE) pri kibucoj, kaj dum la prezento mi uzis kelkfoje la vorton *komunismo*, ne laŭ la marksim-leninisma senco, sed rilate al la komuna posedado okazanta en tiaj bienoj. Post la prelego, José de Arruda Leme Jr., kromnomata Ruto, avertis min konfidence, ke ne prudentas uzi tiun vorton, precipe en la ĉeesto de certa homo, kiu venis spioni KKE-n. (Ruto — ni ĉiuj sciis — estis membro de la Brazila Komunista Partio, kaj havis delongan sperton pri polica spionado kaj persekutado.)

Alia ekzemplo fontas el James Rezende Piton: iam dum la militista reĝimo, aperis ĉe Esperanto-kurso en la brazila nordoriento iom strangaj lernantoj, kiuj klopodis malstimuli la ceterajn daŭrigi la kurson.

En 1970, dum la prezidanteco de José Mário Marques, anoj de BEJO en Natalo estis alvokitaj al

INFORMAÇÃO N.º 682/DSEG4

Êste Serviço tomou conhecimento da seguinte Informação:

1. Alguns membros da Juventude Esperantista Brasileira, Seção de GOIÂNIA (GO), estão preocupados com indícios de que o Movimento Comunista Internacional está se valendo daquela organização como um meio de difundir propaganda de cunho marxista-leninista.

2. Um dêstes esperantistas goianos procurou os órgãos de segurança daquele Estado, fazendo as seguintes revelações:

a. a Juventude Esperantista Brasileira tem por finalidade cultivar a lingua universal, dela se utilizando para promover a confraternização entre os povos e difundir ideais de paz através da mútua compreensão;

b. a organização troca correspondência com congêneres espalhadas pelo mundo todo, através de sede existente na EUROPA;

c. há indícios de que paises da linha comunista, notadamente a ALEMANHA ORIENTAL, estão se servindo do Movimento, para remeter porpaganda de seu regime a pessoas de outras nações o que já ocorreu, em Nov 69, quando o declarante recebeu um volume, em esperanto, contendo elementos de divulgação política sôbre aquêle País.

Maldekstre: la kerno de la denunco kontraŭ BEJO en 1970 (kies traduko troviĝas en la teksto de ĉi tiu artikolo).

Malsupre: parto de la listo de ricevantoj de la revuo *El Popola Ĉinio* (1970).

T.C. Lee
Celia Luzia Honorato
Celia Bigi Corsi
Marilda dos Santos
Antonio Leite Neves
Aiasse Cleon D'Avila Soares
Antonio Leite Neves
Antonio Ribeiro V. Alberto
Cluisio R. Serreiro
Peixoto Laguna
Jacy de Carvalho Sinoe
Sebastião Guedes
Carlos Castanho
Aguineio Pinto
Anna Bggi
Silva Benedicto
Costa L. Junior
Cardoso A. Luiz
Yvelise M. Cavalheri Marcolin
Antonio Carlos Rossi
Anunciata Cavalheri Carciofa
Wilson Veno
Manoel Blaz Garcia
Sra. Trees Yu

policejo, supozeble pro maldekstrisma agitado dum kunvenoj. Post tiu okazaĵo, multaj anoj retiriĝis, BEJO velkis kaj "ekdormis". Ĝi "revekiĝis" (fakte refondiĝis) nur en 1975, sub la gvidado de Ciro Gomes de Freitas.

## La dosieraro de DEOPS

En 1994, la registaro de la ŝtato Sanpaŭlo disponebligis, ĉe la Sanpaŭla Publika Arĥivejo, dokumentojn de la antaŭa Departemento pri Politika kaj Socia Ordo (DEOPS en la portugala). En la komenco de 2013, pliaj dokumentoj de ĉi tiu Departemento, trovitaj ĉe policejo de la urbo Santo, estis aldonitaj al la kolekto. Bedaŭrinde, ĝis nun nur parto de la kolekto jam estas ciferecigita.

Nelonge post la liberigo de la novaj dokumentoj, Eduardo Dezena tie serĉis referencojn al Esperanto, kaj trovis unu slipon. Poste, Jairo Augusto dos Santos kaj Anna Lobo de Carvalho ankaŭ vizitis la arĥivejon, kaj estis trovita unu plia slipo.

## La dokumentoj trovitaj

Ĝis nun, eblis trovi en la dosieroj de DEOPS du dokumentojn, kiuj koncernas la brazilan esperantistan movadon. La unua estas listo de abonantoj aŭ ricevantoj de la revuo *El Popola Ĉinio* dum la jaro 1970, kun la respektivaj poŝtadresoj. Ĝia tiama enhavo limiĝis preskaŭ nur al propagando pri la regado de prezidanto Maŭ Zedong, la milita rezistado de Norda Vjetnamujo ktp. Ne ĉiuj abonantoj de la revuo simpatiis al ĝia politika linio, sed ili legis ĝin pro ĝia alta kvalito laŭ grafika aranĝo kaj lingvaĵo. En la supro de ĉi tiu paĝo montriĝas foto de parto de tiu listo. Ĝia tutaĵo aperas en la paĝo 12 (sen la adresoj). Facile konstateblas, ke la listo enhavas plurajn ripetitajn nomojn, ofte erare skribitajn. Krome, en kelkaj lokoj la tajpaĵoj estas neklaraj. Mi sukcesis identigi ĝis nun la jenajn listanojn: Benedicto Silva, José Dias Pinto, Carlos Prates Castanho, Manoel Blaz Garcia, Paulo Vieira da Silva kaj Ary Zamora. La tri unuaj ankoraŭ vigle partoprenas la esperanto-movadon; la ceteraj jam mortis.. Notindas en la listo unu institucio: Kultura Kooperativo de Esperantistoj (KKE).

Eble tiaspeca listo ŝokos pli junajn esperantistojn, sed probable ĝi ne surprizos tiamulojn. Ni ĉiuj sciis, aŭ almenaŭ suspektis, ke korespondado kun komunismaj landoj estas spionata. Pro la paranoja etoso tiama, ĉiu ricevanto aŭ sendanto

| | | |
|---|---|---|
| Aluísio R. Serreipo | Celia Biggi Corsi | Antonio Leite Neves |
| Cleuce Finatti | Celia Luiza Honorato | Aiasse Cleon D'Avila Soares |
| Jacy de Carvalho Simões | Conceição Bolonha | Antonio Leite Neves |
| José Dias Pinto | Douglas Silva Mateus | Antonio Ribeiro V. Alberto |
| Manoel Braz Garcia | Guilherme José Ciacco Filho | Cluisio R. Serreiro |
| Benedito Silva | Carlos Castanho | Peixoto Laguna |
| Cleber R. Corrêa | Joaquim Soares Oliveira | Jacy de Carvalho Sinoe |
| Luiz de Azevedo Coutinho | Frei Fernando Hozana | Sebastião Guedes |
| Taldo Macedo Soares | Frei Osvaldo Virgolino | Carlos Castanho |
| Frei Ivo Leo Hammes | Guilherme José Clacco | Aguineio Pinto |
| Ary Zamora | Frei Ivo Léo Hammes | Anna Bggi |
| Eliza Marques Carrildo | Kultura Cooperativa Esperantistas | Silva Benedicto |
| Gracinda Motta M. Costa | Alcides Martins | Costa L. Junior |
| Ivone de Souza | Aleides Maitens | Cardoso A. Luiz |
| Neuza Bonbonati | Douglas Silva Mateus | Yvelise M. Cavalheri Marcolin |
| Paulo Vieira da Silva | Aguinesio Pinto | Antonio Carlos Rossi |
| Carlos Castanho | Antonio Rubens V. Alberto | Anunciata Cavalheri Carciof |
| Peixoto Laguna | Sergio Murilo V. Castro | Wilson Veno |
| Annunciata Cavalieri Carciofi | T. C. Lee | Manoel Blaz Garcia |
| Ana Biggi | Celia Luiza Honorato | Sra. Trees Yu |
| Carlos Roberto Arantes | Celia Bigi Corsi | |
| Antonio Rubens V. Alberto | Marilda dos Santos | |

Listo de abonantoj de *El Popola Ĉinio* (1970)

de tiaj korespondaĵoj estis suspektinda. Trafe ilustras ĉi tiun etoson malagrablaĵo okazinta al Juraci Coelho, tiama sekretariino de KKE. Pedro Ferreira Cavalcante, unu el la anoj de GEJ (la Esperantista Junularo de Rio), transloĝiĝis al Moskvo, kie li povos senpage studi juron ĉe Universitato Patrice Lumumba. El tie li sendis Kristnaskan mesaĝon al Juraci, kiu rezulte estis alvokita al policejo, por klarigi la aferon, kaj pruvi sian senkulpecon.

La dua dokumento multe pli surprizas min, ĉar temas pri denunco kontraŭ BEJO, supozeble farita de BEJO-ano mem, en Gojanjo, en la jaro 1970. (Vidu foton de ĝia kerno en la supra parto de la paĝo 11 kaj ĝian tutaĵon, jam esperantigitan, en la paĝo 13.)

Tiu ĉi dokumento igas min fari tri demandojn: 1. El kiu(j) fakto(j) originis tiu denunco? 2. Ĉu efektive okazis denunco, aŭ ĉu ĝi estas nur fabrikaĵo? 3. Se efektive okazis denunco, kiu ĝin faris? Plej gravas la unuaj du. Kiel mi klopodos demonstri, la afero estas pli malsimpla, ol ĝi unuavide ŝajnas.

Alia membro de GEJ estis Gustavo Guimarães Barbosa, junulo kun talento por komponado kaj tekstoverkado. En 1969, kolerigite pro cenzura forigo de komponaĵo lia ĉe muzika festivalo, li forvojaĝis de Rio al sia naskiĝurbo Gojanjo. Tie li kontaktis malnovajn amikojn el la gimnazio kaj spiritisma movado, kiuj antaŭe estis studentaj movadestroj, kaj nun laboris sekrete por la komunista organizo *Popola Revolucia Avangardo* (VPR en la portugala), celante perarmilan luktadon kontraŭ la reĝimo. Invitite aliĝi al la organizo, Gustavo tuj akceptis.

Dum la ekesto de GEJ, Amarílio Hévia de Carvalho — nuntempe ankoraŭ aktiva esperantisto — helpis nin junulojn, kaj kelkfoje ni okazigis kunvenojn ĉe lia apartamento en Rio. Li kaj Gustavo fariĝis intimaj amikoj. Tamen Gustavo, pro sekureco, kaŝis de li sian partoprenon en VPR. Gustavo asertas, ke li neniam uzis armilojn. Li agis kiel propagandisto de la organizo, verkante pamfletojn kaj ĵurnaletojn, kaj ankaŭ rolis kiel kuriero inter Gojanjo kaj Rio.

En Aprilo de 1970, Gustavo venis Rion por kontakti tieajn anojn de VPR, kaj profitis la okazon por revidi siajn gepatrojn kaj kelkajn amikojn. Li surprize vizitis samideanon Amarílio ĉe lia labor-

KONFIDENCA

AERARMEA MINISTREJO
KVARA AERZONO
STABEJO

La 20-an de Okobro, 1970

1. TEMO: Brazila Esperantista Junularo
2. ORIGINO: NACIA INFORMKOLEKTA SERVO (NIS) / BRAZILJA INSTANCO
3. KLASIGO: MILITISTA POLICO DE LA ŜTATO SANPAŬLO
4. DISKONIGO: 2-A ARMEO — NIS / SANPAŬLA INSTANCO — DEPARTEMENTO PRI POLITIKA KAJ SOCIA ORDO DE LA ŜTATO SANPAŬLO — SANPAŬLA DEPARTEMENTO DE LA FEDERACIA POLICO — 6-a ŜIPARMEA DISTRIKTO
5. ANTAŬA DISKONIGO: STABOJ DE AERZONOJ 1, 2, 3 kaj 5 — NIS/AKREO — MILITISTA STABO DE LA CENTRA ALTEBENAĴO — MILITISTA GIMNAZIO DE BRAZILJO — STABO DE AERZONO 6 — AERARMEA STABO — BRAZILA INFORMCENTRO DE LA AERARMEO (BIA)
6. *[Kampo nuligita.]*
7. ANEKSO *[Ne menciita.]*
REFERENCO: INFORMO N-RO 670 BIA RIODEĴANEJRO de la 16-a de Oktobro, 1970

INFORMO N-RO 682 / DESEG4

Tiu ĉi agentejo ricevis la jenan informon:

1. Kelkaj anoj de Brazila Esperantista Junularo, el la Gojanja Sekcio, maltrankvilas pri signoj, ke la Internacia Komunista Movado uzas ĉi tiun organizon kiel rimedon por disvastigi marksism-leninisman propagandon.

2. Unu el tiuj gojasaj esperantistoj sin turnis al la sekurecorganoj de tiu ŝtato, kaj deklaris la jenon:

a. Brazila Esperantista Junularo celas kultivi la universalan lingvon, uzante ĝin por prosperigi la kunfratiĝon inter popoloj kaj diskonigi pacidealon per reciproka interkompreno;

b. la organizo korespondas kun similaj organizoj dissemitaj tra la mondo, per sidejo situanta en EŬROPO;

c. ekzistas signoj, ke komunistaj landoj, ĉefe ORIENTA GERMANUJO, uzas la Movadon por sendi propagandon pri sia reĝimo al alinaciaj homoj, kio jam okazis en Okt. 69, kiam la deklaranto ricevis esperantlingvan volumon, enhavantan elementojn de politika propagando pri tiu lando.

Tradukita teksto de la denunco kontraŭ BEJO (1970)

ejo, kaj ili renkontiĝis post ĉi ties deĵoro. Amarílio proponis, ke la sekvan tagon li akompanos sian amikon ĝis la Ĉefa Stacidomo de Rio, de kie Gustavo vojaĝos al Gojanjo. En tiu tago, posttagmeze, elirante el taksio, ambaŭ estis arestitaj kaj portitaj al kazerno de la armea polico, ĉe la strato Barono de Meskito. Tie ambaŭ estis pridemanditaj kaj torturitaj. La torturado de Amarílio ĉesis, pro manko de pruvoj kontraŭ li, kaj post naŭ tagoj li estis liberigita. Post dek tagoj da torturado, oni forportis Gustavo al armea malliberejo en Gojanjo, kie oni torturis lin dum unu plia tago. Tie li restis ĝis Aŭgusto de la sama jaro. Li konsentis prezentiĝi en pluraj televidprogramoj, kune kun aliaj revoluciuloj, en kiuj ili apostatis sian agadon kaj avertis la brazilan junularon pri la danĝeroj de komunismo. En Septembro Gustavo estis liberigita, sed ankoraŭ devis prezentadi sin ĉe kazerno en la kvartalo Sankta Kristofo, Rio, dum la sekvaj tri jaroj.

Dum la unuaj tagoj de la arestado en Rio, la pridemandantoj eksciis, ke Amarílio instruas Esperanton ĉe KKE, kaj Gustavo ankaŭ frekventas tiun lokon. Sed laŭŝajne tiuj ĉi faktoj ne gravis al la pridemandantoj, kiuj ne scivolis pri Esperanto aŭ pri la Esperanto-movado. Laŭ Gustavo, ili tute ne sciis,

kio Esperanto estas. Tamen, okaze de lia aresto, oni priserĉis la dometon, kie li vivis en Gojanjo, kaj trovis tie prinotitan ekzempleron de la libro *Vortoj de Prezidanto Maŭ Zedong* kaj almenaŭ unu ekzempleron de *El Popola Ĉinio*.

La denunco kontraŭ BEJO verŝajne okazis en Oktobro, do jam post lia liberiĝo. Ĉu do eblas, ke, pro la materialo trovita ĉe lia domo kaj liaj deklaroj, la informkolektaj organoj plie esploris la eblajn ligojn inter Esperanto kaj la internacia komunista movado? Ĉu la denunco iel rilatas al tiu epizodo? Alternative, ĉu temas pri izolita, persona ago de BEJO-ano? Ĉu fakte okazis tiu denunco, aŭ ĉu oni fabrikis ĝin por maski informojn ricevitajn per spionado aŭ aliaj rimedoj? Ĉu la polica persekuto al BEJO-anoj, okazinta samjare en la nordoriento iel rilatas al la faktoj jam prezentitaj? Ĉu ĉiuj epizodoj okazis en la sama jaro (1970) pro simpla koincido?

Neniun el la ĉi-supraj demandoj mi povas nun respondi definitive. Mi provizore opinias, ke jes, tre verŝajne ekzistas ia rilato inter la pluraj epizodoj prezentitaj ĉi tie, sed ilia naturo ankoraŭ restas malklara. Ankaŭ provizore ŝajnas al mi, ke jes, efektive okazis denunco farita de esperantisto, kaj ĉi tiun konkludon apogas la fakto, ke, laŭ la koncerna dokumento, la denuncinto klopodis iel ŝirmi la reputacion de Esperanto kaj de BEJO. Kial do li aŭ ŝi tiele agis? Por kompreni ĉi tiun fakton, oni bezonas retromoviĝi al la pasinteco, al tiuj tagoj, kiam regis kontraŭkomunisma paranojo, ne nur ĉe registaraj organoj, sed ofte ankaŭ en la mensoj de multaj brazilaj civitanoj.

Esipereble pliaj dokumentoj elfosiĝos, por ke ni fine povu klare kompreni kaj taksi ĉi tiujn bedaŭrindajn okazintaĵojn. Mi ankaŭ esperas, ke niaj legantoj, precipe la plej malnovaj samideanoj, povos provizi nin per pliaj detaloj kaj ideoj. Bonvolu kontakti min per: `esperanto@fswechsler.com`.

## Dankoj

La aŭtoro deziras danki ges-rojn Anna Lobo de Carvalho, Eduardo Dezena, Jairo Augusto dos Santos kaj James Rezende Piton, por ilia “fosado en pasinteco”. Li ankaŭ deziras esprimi sian specialan kaj tutkoran dankon al s-roj Amarílio Hévia de Carvalho kaj Gustavo Barbosa, kiuj afable kaj komplezeme respondis demandojn de la aŭtoro pri dolorigaj travivaĵoj kaj rememoroj.



## Eldiroj

*La plej feroca el la hejmaj bestoj estas la murhorloĝo: mi konas iun, kiu jam formanĝis tri generaciojn de mia familio.*

Mário Quintana, brazila poeto

*Kial realo ne estus pli stranga ol fikcio? Finfine, fikcio devas havi sencon.*

Mark Twain, usona verkisto

*La nuraj kompletaj malfeliĉoj estas tiuj, per kiuj oni nenion lernas.*

William E. Hocking, usona filozofo

*Neniam perdu la fidon je la homaro, ĉar ĝi estas kiel oceano. Nur pro tio, ke ekzistas kelkaj malpuraj akvogutoj en ĝi, tio ne signifas, ke ĝi estas tute malpura.*

Gandhi, hinda filozofo

*Malsukceso estas nur oportuno por rekomenci kun pli da inteligento.*

Henry Ford, usona industriisto

*Krevmaizo estas la plej bona produktaĵo de la usona kino.*

Anacleto Neves

*Tiu inventaĵo havas nenian estontecon.*

Louis Lumière, inventinte la kinon en 1895

Esperantigis: César Dorneles Soares
`www.dornelespoa@gmail.com`

# Clarice Lispector: Amo

## Tradukis Francisco S. Wechsler



*N.T.: Clarice Lispector (1920–1977) estas elstara brazila verkistino kaj ĵurnalistino, kiu publikigis plurajn romanojn kaj multajn rakontojn (por plenkreskintoj kaj ankaŭ por infanoj), krom kronikaĵoj kaj artikoloj. En ŝiaj verkoj por plenkreskintoj, malmulto okazas en konkreta mondo; ŝi preferas fokusi la internan, mensan mondon de siaj roluloj. Tial la agpriskriboj ofte intermiksiĝas kun pensoj kaj sentoj, kiel facile konstateblas en la sekva rakonto. Ĝi apartenas al la volumo titolita "Familiaj ligiloj", eldonita unuafoje en 1960. Clarice amis promeni en la Botanika Ĝardeno de Rio, kaj ĝi aperas en pluraj verkoj ŝiaj.*

Iom laca, kun aĉetaĵoj deformantaj la novan triksakon, Ana entramiĝis. Ŝi metis la pakaĵon sur la femurojn, kaj la tramo ekveturis. Ŝi tiam apogis sin sur la benkon serĉante komforton, suspirante duonkontenta.

La filoj de Ana estis bonkondutaj, io vera kaj sukplena. Ili kreskis, baniĝis, postulis por si, impertinentaj, momentojn ĉiam pli kompletajn. Finfine ŝi havis vastan kuirejon, la difektita forno eksplodadis. Ege varmis en la apartamento, kiun ili pagis iom post iom. Sed la vento pelanta la kurtenojn, kiujn ŝi mem fasonis, memorigis al ŝi, ke ŝi povos laŭdezire halti kaj viŝi al si la frunton, rigardante la trankvilan horizonton. Kiel terkulturisto. Ŝi plantis la semojn tenatajn enmane, ne aliajn, sed nur ĉi tiujn. Kaj kreskis arboj. Kreskis ŝia rapida babilo kun la elektrokontisto, kreskis la akvo pleniganta la vestlavujon, kreskis ŝiaj filoj, kreskis la tablo kun manĝaĵoj, la edzo alvenanta kun ĵurnaloj kaj ridetanta pro malsato, la ĝena kantado de la servistinoj en la konstruaĵo. Ana donis al ĉio, trankvile, sian etan kaj fortan manon, sian vivkurenton.

Certa posttagmeza horo estis pli danĝera. Certan posttagmezan horon la arboj de ŝi plantitaj priridis ŝin. Kiam nenio plu bezonis ŝian forton, ŝi maltrankviliĝis. Tamen ŝi sentis sin pli solida ol iam ajn, ŝia korpo iom dikiĝis, kaj estis admirinde, kiel ŝi tajloris bluzojn por la knaboj, per tondilego klakanta sur ŝtofo. Ŝia tuta deziro nebule arta jam delonge direktiĝis por fari la tagojn atingoriĉaj kaj belaj; laŭ tempopaso ŝia gusto pri ornamo disvolviĝis kaj venkis la enan malordon. Ŝajne ŝi eltrovis, ke ĉion eblas plibonigi, al ĉiu afero oni donos harmonian aspekton; la vivon povos fari homa mano.

Intime, Ana ĉiam bezonis senti la firman radikon de aferoj. Kaj ĉi tion hejmo perpleksige donis al ŝi. Per nerektaj vojoj, ŝi estis kaptita de virina destino, kun la surprizo, ke ŝi konformiĝis al ĝi, kvazaŭ ŝi ĝin elpensis. La viro, al kiu ŝi edziniĝis, estis vera viro, la filoj de ŝi naskitaj estis veraj filoj. Ŝia antaŭa juneco ŝajnis al ŝi stranga kiel vivmalsano. El ĝi ŝi elmergiĝis por trovi, ke ankaŭ sen feliĉo oni vivas: estinginte ĝin, ŝi renkontis amason da homoj, antaŭe nevideblaj, kiuj vivis kiel laboristoj — persiste, daŭre, ĝoje. Kio okazis al Ana, antaŭ ol ŝi havis sian hejmon, estis por ĉiam neatingebla: ia malorda ekzalto, kiu tre ofte konfuziĝis kun neeltenebla feliĉo. Interŝanĝe ŝi kreis ion fine kompreneblan, plenkreskulan vivon. Tiele ŝi deziris kaj elektis.

Ŝia singardo reduktiĝis al zorgemo je la danĝera horo posttagmeza, kiam la domo estis senhoma, ne plu bezonanta ŝin, la suno alte brilis, ĉiu familiano plenumis sian taskon. Rigardante la purajn meblojn, ŝia koro kunpremiĝis pro miro. Sed en ŝia vivo ne estis loko por senti teneron al sia miro — ŝi sufokis ĝin per la sama lerto, kiun intruis al ŝi la hejma mastrumado. Ŝi tiam elhejmiĝis por aĉeti aŭ kunporti riparotajn objektojn, prizorgante sian

hejmon kaj familianojn, nesciate de ili. Kiam ŝi revenos, jam vesperiĝos, kaj la infanoj venintaj el la lernejo bezonos ŝin. Tiel alvenos la nokto, kun sia trankvila vibrado. Matene ŝi vekiĝos aŭreolata de la kvietaj taskoj. Ŝi trovos la meblojn denove polvokovritaj kaj malpuraj, kvazaŭ ili pente revenis. Koncerne ŝin mem, ŝi kaŝe partoprenis la nigrajn kaj mildajn radikojn de la mondo. Kaj ŝi sennome nutradis la vivon. Tiele ĝi plaĉis al ŝi. Tiele ŝi deziris kaj elektis.

La tramo hezitadis sur la reloj, eniris larĝajn stratojn. Baldaŭ ekblovis pli malseka vento, anoncante, eĉ pli ol la vesperiĝon, la finon de la nestabila horo. Ana profunde enspiris, kaj funda rezignacio donis al ŝia vizaĝo virinan aspekton.

La tramo ripete treniĝis, poste ekhaltis. Ĝis la Strato Humaitao[1] ŝi disponos je ripoztempo. Jen tiam ŝi rigardis al la viro staranta ĉe la haltejo.

La diferenco inter li kaj la aliaj estis lia efektiva senmoveco. Dum li staris, liaj manoj restis antaŭen etenditaj. Li estis blindulo.

Kio cetera kaŭzis, ke Ana malfide rektiĝis? Io maltrankviliga okazas. Tiam ŝi ekvidis: la blindulo maĉas gumon… Blinda viro maĉas gumon.

Ana ankoraŭ trovis tempon por pensi dum sekundo, ke ŝiaj fratoj venos vespermanĝi — ŝia koro batadis fortege, malrapide. Klinita, ŝi rigardadis la blindulon profunde, same kiel oni rigardas tion, kio ne vidas onin. Li maĉadis gumon en la mallumo. Sen sufero, kun malfermitaj okuloj. La maĉmovado ŝajnigis, ke li ridetas kaj subite ĉesas rideti, ridetas kaj ĉesas rideti — kvazaŭ li insultas ŝin, Ana rigardadis lin. Kaj kiu vidus ŝin, tiu ricevus impreson pri virino malameganta. Sed ŝi daŭre rigardis, pli kaj pli klinita – la tramo subite impetis, ĵetante ŝin neavertita malantaŭen, la peza triksako falis de sur ŝiaj femuroj, frakasiĝis surplanken — Ana ekkriis, la pagricevisto haltordonis, antaŭ ol eltrovi, kio okazas — la tramo ekhaltis, la pasaĝeroj ĉikaŭrigardis kun timo.

Nekapabla repreni siajn aĉetaĵojn, Ana rektiĝis pala. Ia mieno, delonge ne uzata, reaperis en ŝi malfacile, ankoraŭ hezitema, nekomprenebla. La ĵurnalknabo ridante donis al ŝi la pakaĵon. Sed la ovoj rompiĝis en la ĵurnala volvaĵo. Viskecaj ovoflavoj gutadis el inter la retfadenoj. La blindulo interrompis la maĉadon kaj antaŭeniris kun necertaj manoj, vane klopodante preni la okazaĵojn. La ovpakaĵo estis forĵetita el la reto, kaj, inter ridetoj de pasaĝeroj kaj signo de la pagricevisto, la tramo denove impetis.

Post kelkaj momentoj ili jam ne rigardis al ŝi. La tramo skuiĝadis sur la reloj, kaj la gumomaĉanta blindulo restis malantaŭe por ĉiam. Sed la malutilo jam okazis.

La trikreto sentiĝis malglata inter ŝiaj fingroj, ne intima, kiel kiam ŝi trikis ĝin. La reto sensenciĝis, kaj tramveturi estis rompita fadeno; ŝi ne sciis, kion fari kun la aĉetaĵoj sur siaj femuroj. Kaj kvazaŭ stranga muziko, la mondo rekomenciĝis ĉirkaŭe. La malutilo jam okazis. Kial? Ĉu ŝi forgesis, ke ekzistas blinduloj? Kompato sufokis ŝin, Ana malfacile spiris. Eĉ la aferoj ekzistintaj antaŭ la epizodo nun gardatentis, havis pli malamikan, morteman aspekton… La mondo denove fariĝis misfarto. Pluraj jaroj disfalis, la ovoflavoj fluis. Forpelite el siaj propraj tagoj, ŝi trovis ŝanceliĝantaj la stratulojn, kiuj per apenaŭa ekvilibro sin tenis ĉe la supraĵo de la mallumo — kaj momente la sencomanko igis ilin tiel liberaj, ke ili ne sciis, kien iri. Percepti leĝomankon okazis tiel subite, ke Ana ekkaptis la frontan benkon, kvazaŭ ŝi povus fali el la tramo, kvazaŭ aferojn oni povus revenigi kun la sama trankvilo, per kiu ili ne revenis.

Tio, kion ŝi nomis krizo fine venis. Kaj ĝia marko estis la intensega plezuro, kun kiu ŝi nun rigardis la aferojn, suferante kun miro. La varmo fariĝis pli sufoka, ĉio gajnis pli da forto kaj voĉojn pli laŭtajn. Sur la Strato de l' Volontuloj de la Patrujo[2] ŝajne baldaŭ eksplodos revolucio, la kloakokradoj estis sekaj, la aero estis polvoplena. Blindulo maĉanta gumon plonĝis en la mondon kun malluma avido. En ĉiu forta homo vidiĝis manko de kompato al la blindulo, kaj la homoj timigis ŝin per sia forto. Apud ŝi sidis sinjorino bluvestita, kun vizaĝo. Ŝi rapide deturnis la rigardon. Sur la trotuaro, virino ekpuŝis sian filon! Du amindumantoj interplektis la fingrojn ridetante… Kio pri la blindulo? Ana estis falinta en ege dolorigan bonkorecon.

Ŝi antaŭe tiel sukcese pacigis sian vivon, tiom zorgis, ke ĝi ne eksplodu. Ŝi ĉion tenis en serena kompreno, distingis unu homon disde la ceteraj, la vestoj estis evidente faritaj por esti uzataj, kaj oni povis elekti per ĵurnalo la vesperan filmon — ĉio estis farata, por ke unu tago sekvu la alian. Kaj blindulo maĉanta gumon disŝiris ĉion ĉi. Kaj tra la

kompato videblis al Ana vivo plena je naŭzo ĝisbuŝe dolĉa.

Nur tiam ŝi rimarkis, ke delonge ŝi preterpasis la celatan haltejon. Pro la malforteco, en kiu ŝi statis, ĉio trafis ŝin per ektimigo; ŝi eltramiĝis per malfortaj kruroj, ĉirkaŭrigardis, tenante la reton kun ova malpuraĵo. Momente ŝi ne sukcesis orientiĝi. Ŝi kvazaŭ eltramiĝis je la mezo de nokto.

Ĝi estis longa strato, kun muroj altaj, flavaj. Ŝia koro batadis pro timo, ŝi vane klopodis rekoni la ĉirkaŭaĵojn, dum la vivo ĵus eltrovita daŭre pulsadis, kaj vento pli varmeta kaj mistera ĉirkaŭblovis al ŝi la vizaĝon. Ŝi restis senmova rigardante la muron. Fine ŝi sukcesis trovi, kie ŝi staras. Paŝante iom plu laŭlonge de heĝo, ŝi transpasis la pordegojn de la Botanika Ĝardeno.



Ŝi paŝadis peze sur la centra aleo, inter la kokosarboj[3]. Neniu troviĝis en la Ĝardeno. Ŝi metis la pakaĵojn surteren, eksidis sur benko ĉe vojeto, kaj tie restis dumlonge.

La vasto ŝajne trankviligis ŝin, la silento reguligis ŝian spiradon. Ŝi ekdormadis ene de si.

En malproksimo ŝi vidis la aleon, kie la posttagmezo estis hela kaj ronda. Sed la duonombro de la branĉoj kovris la vojeton.

Ĉirkaŭe estis serenaj sonoj, odoro de arboj, surprizetoj inter la lianoj. La tuta Ĝardeno estis muelata de la jam rapidiĝantaj momentoj de la posttagmezo. El kie fontas la duonrevo, kiu ŝin ĉirkaŭas? Kvazaŭ per zumado de abeloj kaj birdoj. Ĉio estis stranga, tro milda, tro granda.

Ia malpeza kaj intima movo ektimigis ŝin — ŝi turniĝis rapide. Ŝajne nenio moviĝis. Sed sur la centra aleo staris senmova potenca kato. Ĝiaj haroj estis molaj. Per denova silenta paŝado, ĝi malaperis.

Maltrankvila, ŝi ĉirkaŭrigardis. La branĉoj balanciĝis, la ombroj hezitis sur la grundo. Pasero gratadis la teron. Kaj subite, kun misfarto, ŝajnis, ke ŝi falis en embuskon. Oni faras en la Ĝardeno ian sekretan konspiron, kiun ŝi komencas rimarki.

Sur la arboj la fruktoj estis nigraj, miele dolĉaj. Sur la grundo kuŝis sekaj semoj, plenaj je volvaĵoj, kvazaŭ putraj cerbetoj. La benko estis makulita per violkoloraj sukoj. Kun intensa mildo murmuradis akvoj. Sur la trunko de arbo alteniĝis la luksaj piedoj de araneo. La kruelo de la mondo estis trankvila. La murdo estis profunda. Kaj la morto ne estis tio, kion ni supozis.

Samtempe imaga — ĝi ankaŭ estis mondo manĝebla per dentoj, mondo kun dikaj dalioj kaj tulipoj. La trunkojn laŭlonge kovris foliriĉaj parazitoj, ilia brakumo estis mola, algluita. Kvazaŭ abomeno antaŭanta kapitulacon — ĝi fascinis, la virino sentis abomenon, kaj ĝi fascinis.

La arboj estis fruktoplenaj, la mondo estis tiel riĉa, ke ĝi putradis. Kiam Ana pensis, ke ekzistas malsataj infanoj kaj plenkreskuloj, la naŭzo atingis ŝian gorĝon, kvazaŭ ŝi estus graveda kaj forlasita. La moralo de la Ĝardeno estis alia. Ĉar la blindulo gvidis ŝin al ĝi, tial ŝi ektremis dum siaj unuaj paŝoj en glimantan mondon, ombran, kie amazoniaj nimfeoj flosadas, monstraj. La etaj floroj dissemitaj sur la herbaro aspektis al ŝi ne flavaj aŭ rozkoloraj, sed falsoraj kaj skarlataj. La malkomponiĝo estis profunda, parfuma… Sed ĉiujn afliktajn aferojn ŝi vidis per kapo ĉirkaŭata de insektoj senditaj de la plej delikata vivo en la mondo. La venteto kaŝpenetris inter la florojn. Ana pli divenis, ol sentis ilian dolĉetan odoron… La Ĝardeno estis tiel bela, ke ŝi ektimis la Inferon.

Nun jam preskaŭ mallumiĝis, kaj ĉio ŝajnis plena, peza, sciuro flugis en la ombro. Sub ŝiaj pi-

edoj la tero sentiĝis mola, Ana flaradis ĝin plezurege. Ĝi fascinis, kaj ŝi ĝin abomenis.



Sed kiam ŝi rememoris la infanojn, en kies okuloj ŝi fariĝis kulpa, ŝi ekstaris kun dolora ekkrio. Ŝi prenis la pakaĵon, antaŭeniris per la malluma vojeto, atingis la aleon. Ŝi prekaŭ kuris — kaj vidis la Ĝardenon ĉirkaŭ si, kun ĝia impona senpersoneco. Ŝi skuis la fermitajn pordegojn, skuis ilin tenante la malglatan lignon. La gardisto aperis, surprizita pro tio, ke li ne vidis ŝin.

Dum ŝi ne atingis la enirejon de la konstruaĵo, ŝi ŝajnis ĉe la rando de katastrofo. Ŝi kuris kun la reto ĝis la lifto, ŝia animo batadis enbruste — kio okazas? La kompato al la blindulo estis tiel intensa kiel angoro, sed la mondo ŝajnis ŝia, malpura, mortema, ŝia. Ŝi malfermis la hejmpordon. La vizitĉambro estis vasta, kvadrata, la pordoteniloj brilis pro pureco, la fenestrovitroj brilis, la lampo brilis — kia nova lando estas ĉi tiu? Kaj momente la sana vivo, kiun ŝi havis ĝis nun, ŝajnis al ŝi morale freneza vivmaniero. La knabo alkurinta estis estulo kun longaj kruroj kaj vizaĝo egala al la ŝia, kiu kuris kaj brakumis ŝin. Ŝi alpremis lin forte, mire. Ŝi ŝirmis sin tremante. Ĉar la vivo ŝanceliĝadis. Ŝi amis la mondon, amis la kreaĵon — amis abomene. Same kiel ŝi ĉiam estis fascinata de ostroj, kun tiu malklara naŭzosento, kiun la alproksimiĝo de la vero kaŭzis, avertante ŝin. Ŝi brakumis la filon, preskaŭ vundante lin. Kvazaŭ ŝi scius pri malbono — ĉu la blindulo aŭ ĉu la bela Botanika Ĝardeno? — ŝi sin alkroĉis al li, kiun ŝi amis super ĉio. Trafis ŝin la demono de kredado[4]. La vivo estas malbelega, ŝi mallaŭte, malsate diris al li. Kion ŝi farus, se ŝi obeus la alvokon de la blindulo? Ŝi irus sola… Ekzistis riĉaj kaj malriĉaj lokoj, kiuj bezonis ŝin. Ŝi bezonis ilin… Mi timas, ŝi diris. Ŝi sentis la delikatajn ripojn de la infano inter siaj brakoj, aŭdis lian timoplenan ploron. Panjo, vokis la knabo. Ŝi malproksimiĝis, rigardis al tiu vizaĝo, ŝia koro kuntiriĝis. Ne lasu panjon forgesi vin, ŝi diris. Apenaŭ la infano sentis la brakumon malstriktiĝi, li eskapis kaj kuris ĝis la ĉambropordo, kie li rigardis al ŝi pli memfide. Jen la plej doloriga rigardo, kiun ŝi iam ajn ricevis. Sango alfluis al ŝia vizaĝo, varmigante ĝin.

Ŝi lasis sin fali sur seĝon kun la fingroj ankoraŭ enretigitaj. Pri kio ŝi hontas?

Ne eblis eskapi. La tagoj de ŝi forĝitaj rompiĝis ĉe la krusto, kaj la akvo elfluadis. Ŝi staris antaŭ la ostro. Kaj ne eblis ne rigardi al ĝi. Pri kio ŝi hontas? Jam ne temis pri kompato, ne temis nur pri kompato: ŝia koro pleniĝis per la plej fia vivovolo.

Ŝi jam ne sciis, ĉu favori la blindulon, ĉu la dikajn plantojn. La viro iom post iom foriĝis, kaj torturite ŝi ŝajnis favori tiujn, kiuj vundis al ŝi la okulojn. La Botanika Ĝardeno, trankvila kaj alta, malkaŝis ĝin. Kun abomeno ŝi trovis, ke ŝi apartenas al la forta parto de la mondo — kaj kiel oni nomu ŝian fortegan favorkorecon? Ŝi estos devigata kisi leprulon, ĉar ŝi neniam fariĝos nur lia fratino. Blindulo kondukis min al la plej fia parto de mi mem, ŝi pensis mire. Ŝi sentis sin forpelita, ĉar neniu malriĉulo trinkos akvon el ŝiaj ardaj manoj. Ha! pli facilas esti sanktulo ol persono! Je Dio, ĉu do ne estis vera la kompato, kiu sondis en ŝia koro plej profundajn akvojn? Sed ĝi estis leona kompato.

Humiligita, ŝi sciis, ke la blindulo preferus pli malabundan amon. Kaj, ektremante, ŝi ankaŭ komprenis la kialon. La vivo de la Botanika Ĝardeno altiris ŝin, same kiel lupviron altiras lunlumo. Ho! sed mi amas la blindulon! ŝi pensis kun malsekaj okuloj. Tamen ne kun tia sento oni iras preĝejon. Mi timas, ŝi diris sola en la vizitĉambro. Ŝi ekstaris kaj iris en la kuirejon helpi la servistinon prepari la vespermanĝon.

Sed la vivo frostotremigis ŝin, kvazaŭ malvarmo. Ŝi aŭdadis la sonorilon de la lernejo, malproksima kaj konstanta. La eta teruro de la polvo fadenligita al la forna malsupro, kie ŝi trovis la etan araneon. Dum ŝi portis la kruĉon por ŝanĝi ĝian akvon — jen la teruro de la floro sin oferanta langvora kaj abomeninda al ŝiaj manoj. La saman sekretan konspiron oni faradas tie en la kuirejo. Proksime

de la rubujo, ŝi tretis la formikon. La eta murdo de la formiko. La malgrandega korpo tremadas. La akvogutoj faladas en la senmovan akvon de la vestlavujo. La someraj majskaraboj. La hororo de la senesprimaj majskaraboj. Ĉirkaŭe ekzistas vivo silenta, malrapida, obstina. Hororo, hororo. Ŝi paŝadis tien kaj reen en la kuirejo, tranĉante bifstekojn, kirlante kremon. Ĉirkaŭ ŝia kapo, ĉirkaŭ la lampo, la kuloj de varma nokto. Nokto, en kiu kompato estis tiel kruela, kiel aĉa amo. Inter ŝiaj mamoj ŝvito fluadis. Kredado malfortigis ŝin, la fornovarmo ardis en ŝiaj okuloj.

Poste venis la edzo, venis la fratoj kun siaj edzinoj, venis la filoj de la fratoj.

Ili vespermanĝis kun ĉiuj fenestroj malfermitaj, ĉe la naŭa etaĝo. Aviadilo tremis, minaca en la ĉiela varmo. Kvankam ŝi uzis malmultajn ovojn, la manĝo estis bongusta. Ankaŭ ŝiaj infanoj restis sendormaj, ludante sur la tapiŝo kun la ceteraj. Estis somere, vanus devigi ilin dormi. Ana estis iom pala, kaj milde ridadis kun la aliaj. Post la manĝo, finfine, la unua pli malvarma venteto eniris tra la fenestroj. Ili, la familio, ĉirkaŭis la tablon. Lacaj pro la tago, feliĉaj ĉar ili ne malkonsentas, tre inklinas ne vidi difektojn. Ili ridis ĉial, per koro afabla kaj humana. La infanoj mirinde kreskadis ĉirkaŭ ili. Kaj, kvazaŭ papilion, Ana kaptis interfingre la momenton, antaŭ ol ĝi neniam plu apartenos al ŝi.

Poste, kiam ĉiuj foriris, kaj la infanoj jam enlitiĝis, ŝi estis kruda virino rigardanta tra la fenestro. La urbo kuŝis dormanta kaj varma. Ĉu tio, kion la blindulo ellasigis, enteniĝos en ŝiaj tagoj? Kiom da jaroj ŝi bezonos por remaljuniĝi? Apenaŭ ŝi sin movus, ŝi piedpremus unu el la infanoj. Sed kun malico de amorantino, ŝi ŝajne akceptis, ke el la floro eliru kulo, ke la amazoniaj nimfeoj flosu en la lagmallumo. La blindulo pendas de inter la fruktoj de la Botanika Ĝardeno.

Se ĝi estis forneksplodo, fajro jam ekbrulis tra la tuta hejmo! ŝi pensis, kurante en la kuirejon kaj trovante sian edzon antaŭ disverŝita kafo.

— Kio okazis?! ŝi ekkriis, tremplena.

Li ektimis pro la timo de sia edzino. Kaj subite li ekridis, komprenante:

— Nenio okazis, mi estas mallertulo. Li aspektis laca, kun okulringoj.

Sed vidante la strangan mienon de Ana, li observis ŝin pli atente. Poste li altiris ŝin, per rapida kareso.

— Mi ne volas, ke io okazu al vi, iam ajn! ŝi diris.

— Lasu, ke almenaŭ foje eksplodu la forno, li respondis ridete.

Ŝi plu restis senforta en liaj brakoj. Hodiaŭ posttagmeze io krevis, kaj en la tuta hejmo regis ŝerca, malgaja tono. Venu enlitiĝi, li diris, jam malfruas. Per gesto, kiu ne estis lia, sed ŝajnis natura, li prenis manon de la edzino, tirante ŝin sen rigardi malantaŭen, movante ŝin for de la danĝero vivi.

Finiĝis la kapturno de bonkoreco.

Kaj, kvankam ŝi trapasis amon kaj ĝian inferon, ŝi nun kombis sin antaŭ spegulo, momente sen ajna mondo enkore. Antaŭ ol enlitiĝi, kvazaŭ estingante kandelon, ŝi blovis la etan flamon de la tago.



Notoj de la tradukinto:

[1]En la kvartalo Botafogo de la urbo Rio. Per ĝi oni atingas la Straton de l' Botanika Ĝardeno.

[2]En la kvartalo Botafogo. Per ĝi oni atingas la Straton Humaitao.

[3]Ili estas efektive palmoj, ne kokosarboj.

[4]Laŭ la kristana doktrino, ne sufiĉas nur *kredi* (ĉar eĉ demonoj kredas je Jesuo), sed ankaŭ necesas *agi* kristane.



[…] *Ne tro krude, ne tro multe per unu fojo!* Novaj esprimoj devas esti enkondukataj nur *iom post iom*, nerimarkeble. Krom tio ni devas memori, ke nia lingvo devas servi ne sole por dokumentoj kaj kontraktoj, sed ankaŭ por la *vivo*; tial ofte (precipe en vivaj dramaj dialogoj) pli bona estas frazo ne tute logika kaj ne perfekte preciza, sed mallonga kaj viva, ol frazo perfekte preciza, sed enuige peza kaj tro kabineta.

L. L. Zamenhof
*La Revuo*, Oktobro de 1907

# Kvar poemoj

Maria Nazaré Laroca



## Preludo

Aŭtun' muzikas aprile,
Tediĝas virin' surstrate.
Susuras venteto frida,
Ina korpo kaj anim'
Vitroŝrankojn ekrigardas
De l' modobutikoj luksaj
Kaj preterpasas enue.

Milde sunas sur la haŭton
Dume pluvas sur animon.
Melodio adiaŭas:
Tristece laca virino
Tute plonĝas elreviĝon.



## Vortludo

La liro de l' muzo
Poeziajn vortojn
Lirike ludas
Kaj dolĉe lirlas
Ili likvore.

Vortoj lirikaj
Sopire revas
Pri lilaj lilioj...

Tute volonte
Kaŝitaj versoj
Poetojn dorlotas:
Poemoj estontas.

## Sezonoj

Spegule
Ĉielarkas
Rosgutoj

Kaj dancas
Sur ruĝaj
Rozujoj.

Sunbluas:
Printempo
Vekiĝas
Ĝardene.

Ie aŭtunas:
Ŝvebas dume
Tristaj folioj
Plorsingulte.

## Kvazaŭdiro

Demiurg', Poeto
La ŝnuron de revoj
Streĉas kaj ĵonglas
Per la leksikona
Sorĉa vortmondo.

Pajaco, orakolo,
Deliron li orbitas:
Jen nudiĝas vortoj
Kiuj stelfandiĝas
Kaj muzike elfluas
Kunĝuas kaj plezuras.

Rimoj kverelas
Aŭ ĉu ili kveras?
Poet' apoteozas,
Entute metaforas.

# Vina 2013

Vintra Aranĝo de BEJO

**Bienlernejo Bona Espero**

**18-21 julio 2013**

## 49-a Brazila Kongreso de Esperanto – BKE
## 34-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso – BEJK
## 12-a Brazila Infana Kongreso de Esperanto
## Florianopolo – Sankta-Katarino
## De la 24-a ĝis la 28-a de Januaro, 2014




**Kotizoj (ĝis 30–07–13):**

1. BEL-ANO: R$80,00
2. BEJO-ANO: R$40,00
3. Familiano de la kategorioj 1 kaj 2: R$40,00
4. Nek BEJO-ano nek BEL-ano: R$160,00
5. Familiano de la kategorio 4: R$80,00
6. Neloĝanto en Brazilo: senpaga aliĝo
7. Infano maksimume 12-jaraĝa aŭ handikapulo: senpaga aliĝo

Reta aliĝo per: `http://belabutiko.esperanto.org.br`






La Interlingvistikaj Studoj de la Universitato Adam Mickiewicz (Poznano, Pollando) kaj ILEI denove organizas unujaran instruistan trejnadon. La kursaro necesigas partoprenon dufoje en loka sesio (dum 14–20.09.2013 kaj 01–07.02.2014) kaj hejman laboradon. La fina ekzameno okazos en septembro 2014.

*Kondiĉoj:* min. B2-nivela lingva kono; baza kono de esperanta kulturo; mezgrada diplomo.

*Kotizo:* A-landoj: €300, B-landoj: €130 por unu semestro. ILEI-UEA ofertas 4 stipendiojn.

*Retpaĝo:* `http://www.staff.amu.edu.pl/~interl/`

*Informo kaj aliĝo ĝis 10.08*: `interlin@amu.edu.pl`

ilei

